BULTENO
de la Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj

Sekretariejo: Orteliusstraat 108III Amsterdam
Redaktejo: von Liebigweg 26 Amsterdam

## KONGRES-INFORMILO NO. 2.

**Aliĝiloj** Ni petas la estrojn de la landaj rondoj plejeble kolekti la aliĝilojn kaj provizi ilin per sia signo.

**Akceptejo** La akceptejo estas fronte al la stacidomo Lindaŭ ĉe la fremdultrafika oficejo. Karavanoj, kiuj deziras rapidan aranĝon, estas petataj prepari alfabetan liston de la partoprenontoj, por ke pago de la kotizoj kaj eldono de la kongrespaperoj povu efektiviĝi kolektive.

**Insignoj** Kiel kongresinsigno estos portata la nova IFEF-emblemo, kiu estos aĉetebla en la kongresoficejo, aparte por GM 1.20. La landaj asocioj estas petataj kunporti siajn Esperanto-flagojn por ornami la kongresejojn.

**Programo** La programo restas provizore kiel indikite en informilo no 1; la defenitivan aranĝon, kiu ne havos esencajn diferencojn, vi trovos inter la kongrespaperoj kaj en la akceptejo. La internacia balo okazos sur la ŝipo dum la ekskurso sur la lago Konstanca.

**Vizoj** Ni klopodas atingi senpagajn vizojn por la veturo al Germanio okaze de la kongreso. Ni petas demandi pri tio ĉe la konsulejoj, kiam vi aranĝas vian vizon. Se vi deziras dum Pentekosto viziti Svision aŭ Aŭstrion, vi devas antaŭe havigi vizon en via lando.

**Adreso de LKK** Bonvolu skribi al LKK, mane de s-ro H. Pape, por leteroj alvenontaj ĝis 20/5 al Hamburg-Altona; por tiuj, alvenontaj post 20/5 Bahnhof (Stacidomo) Lindaŭ.

GIS REVIDO EN LINDAŬ!!!

Por la LKK
H. Pape

## TERMINARA KOMITATO

La TK estos kunvokata lunde la 26/5, precize je la 9h antaŭtagmeze en la gastejo Stift en Lindaŭ. Estas petataj ceesti: la estraro de IFEF, la delegitoj de landaj rondoj kaj la kolegoj Hilkersberger, Sieghartner, Zink (Aŭstrio); De bruyne-Pieters (Belgio); Christoffersen (Danio); Rosher, Parry (Anglio); Ruhanaien (Finnlando); Lemonnier, Blin, Blondeaux, Lienhardt, Rétault (Francio); Simon (Germanio); Dr. Spadafora (Italio); Bouwkamp, Brouwer (Nederlando); Carlsen (Norvegio); Agren (Svedio); Bipp, Keiser, Walder (Svisio). La kunlaborantoj de la landaj rondoj estas invitataj partopreni.

Por la TK:
Pape.

## PRI LA LABORKUNSIDOJ DUM NIA 4A KONGRESO

### TAGORDO

1. Malfermo.
2. Salut- kaj ricevitaj leteroj.
3. Rimarkigoj pri la raporto de la pasintjara kongreso. (vidu la Bultenon de septembro 1951)
4. Raportoj de la sekretario kaj kasisto.
5. Raporto de la Terminara Komitato.
6. Proponoj.
7. Estrarelekto.
8. Elekto de kaskontrol-komitatano.
9. Elekto de la kongresloko en 1953a, kaj la provizora en 1954a.
10. Libera diskutado.
11. Fermo de la laborkunsidoj.

## KONGRESPROPONOJ

### GERMANIO

1. La ĉefestraro publikigu en *BULTENO* la kongresdecidojn validajn ekde la Aarhusa kongreso.
2. Fiksado ne nur de kongresloko, sed ankaŭ de kongresdato por la venonta kongreso, konsiderante la daton de la festotagoj kaj de la horaranĝo. (Laŭ plendoj el Danio kaj Svisio).
3. Amplekso kaj enhavo de la BULTENO rilate al la landaj bultenoj.
4. IFEF kiel faksekcio ankaŭ en UEA kaj SAT.
5. IFEF-kunvenoj dum la landaj- la UEA- kaj la SAT-kongresoj.
6. La IFEF-insigno.

Rimarkigo de la ĉefestraro:
La tro konciza formo de la proponoj 3, 4, 5 kaj 6 postulas plian klarigon, kiun esperable donos la germana delegito aŭ la proponinto.

### FINNLANDO

7 Ni uzu la emblemon de la nova IFEF-insigno sur skribpapero kaj kovertoj.

### ĈEFESTRARO

**8 La landaj asocioj klopodu havigi al si ĉiujaran subvencion por IFEF de** la fervojistaj sindikatoj kaj la fervojaj administracioj.

**Komento:**

Pasintjare la Nederlanda Fervojista Sindikato (N.V.) donis al IFEF subvencion de Fl. 25.00, kaj kvankam ne ankoraŭ oficiale, IFEF ricevis la saman sumon en tiu ĉi jaro. Tiaj subvencioj garantias al la IFEF-estraro la ricevon de certa monsumo uzota por la eldonado de pli ampleksa organo internacia La ordinaraj enspezoj ne permesas al la estraro riski tro multe.

## INFORMOJ DE LA ESTRARO

La sekvontan numeron de nia BULTENO ni sendos en la fino de aprilo.
La landaj sekretarioj bonvolu aranĝi la pluan sendadon tiel, ke tiu numero atingos niajnanojn almenaŭ en la unua semajno de majo.

Eventualajn postvenantajn kongresproponojn oni sendu plej laste antaŭ la deka de aprilo.

# JARRAPORTO DE LA SEKRETARIO 1951

Malserena nubaro ankoraŭ etendiĝis super la mondo kaj ĉiumomente la homaro timis la disiĝon de la nuboj , inter kiuj ili atendis la ĉiomortigantajn fulmradiojn, kiuj povus kaŭzi novan katastrofon al la homaro. La mondo estis kvazaŭ vulkano, kiu minacis elkraĉadi sian varmegan lafon en ĉiujn direktojn detruanta ĉion kreitan de homo kaj naturo.Feliĉe io tia ne okazis kaj la katastrofo estos evitebla se la homa prudento trovos la multflankan solvon kaj al tio ni direktas nian esperon. Tia stato kompreneble postulas de ĉiu el ni la centprocentan memregadon kaj se la homo nekontraŭbatalante la malbonon metus la kapon en la sinon de la militdiablon, tio signifus libervolan kapitulacion por la perforto. Kiel esperantistoj , ni malestimas la perforton en kia ajn formo sed preferas solvi la mondproblemojn laŭ pacamaj vojoj.

Per tiuj ĉi enkondukaj vortoj mi nur volas citi la malfortecon de tiuj, kiuj en la pasinta jaro forlasis niajn vicojn. Kiam oni decidas lerni Esperanton por ke oni povu alparoli la homojn en kiu ajn lando opiniante, ke la instruantoj kapablas enverŝi la lingvogramatikon en la cerbojn kiel teon en tason,tiam oni sentos sin post iom da tempo trompita. La studado de la lingvo estas ne disigebla de ĝia interna ideo. La lingvo mem estu nia praktika propagandilo por montri ĝian taŭgecon, ĝia interna ideo ligu la homojn diverslandajn unu al la alia.

Bedaŭrinde,ke tiuj unutagaj papilioj pro manko de ĝisfunda kompreno pri la celo de nia Esperanto-movado post iom da tempo forlasis ĝin, nekonsciante, ke la devo de la homoj, kiuj flanke de la ĉiutagaj okupoj kaj zorgoj en la socia vivo dediĉu iom da tempo kaj oferemo al kulturaj aferoj nemankipovaj en la nova epoko de la homa civilizacio.Malgraŭ ĉi tiuj malagrablaj konstatoj ni atingis mejlŝtonon en la historio de nia juna organizo.

La konstanta kreskado de la membronombro ne interrompiĝis , kontraŭe , ni faris gravan paŝon antaŭen kaj registris antaŭ nelonge la milan membron. Jen estas la ciferoj pri la membronombro en la diversaj landoj,por kompari estas aldonataj la nombroj je la fino de 1950 parenteze.

NEDERLANDE : 220 ( 223 ) , FRANCIO : 272 ( 207 ) , DANIO : 76 ( 66 ) , AŬSTRIO : 81 (68 ) , SVISIO : 30 ( 26 ) , AŬSTRALIO : 7 ( 7 ) , NORVEGIO : 36 ( 39 ) , GERMANIO : 212 ( 60 ) , ITALIO : 13 ( 4 ) FINLANDO : 28 ( 2 ) , BRITIO : 26 ( 10 )

La nombro da landaj IFEF-rondoj kreskis de 9 al 11 pro la fondo de tiaj rondoj en FINLANDO kaj BRITIO. Izolaj membroj estas en: SVEDIO : 8 ( 5 ) , JAPANIO : ( 1 ) 1, ĈEĤOSLOVAKIO: 11 ( 2 ) , BELGIO 1 ( 0 ), krome 1 kolego en ALĜERIO estas enskribita sur la franca membrolisto.

Entute la membronembro do kreskis de 700 en 1950 al 1022 en la jaro 1951, la nombro da aliĝintaj landoj de 14 al 16. Escepte la ne tre gravaj regresoj en NEDERLANDO kaj NORVEGIO ni konstatas nur progresojn en la ceteraj landoj . Estas menciinde, ke ĝenerale ŝanĝoj en la membrolistoj alvenas post la finiĝo de la kursoj sed la informoj kuraĝigaj el FINLANDO , ITALIO , kaj JAPANIO ne postlasas dubo pri ŝanĝo en favora senco. Eĉ nia timo pri la IFEF-rondo en AŬSTRIO pro la malbonaj vivkondiĉoj de la tieaj kekolegoj montriĝas esti troigita. Malgraŭ la malbonaj tempcirkonstancoj niaj aŭstraj gekolegoj entuziasme laboras kun respektinda oferemo. Ankaŭ nia nura belga kolego komencis la malfacilan batalon por disvastigi nian ideon inter la belga fervojistaro inspirita de niaj sukcesoj. En BRITIO niaj kolegoj sekvis la ekzemplon de la italaj kolegoj eldonante la unuan informbultenon. La demando: * ĉu ni povos atingi 75 anojn dum 1952?* montras al ni la grandiozajn planojn de tiuj kolegoj. Ni do povas konstati ĉie la aktivecon , kiu estas necesa por antaŭen puŝi nian movadon. Dank' al la reganta solidareco sento en nia IFEF-familio ni povis adopti la 11 ĉeĥoslovakajn kogoj mi nur volas certigi, ke ne ekzistas kondiĉoj sed la adoptantoj nur pretas pagi la jarkotizon por ili ĉar neeblas el ĉeĥoslovakio transigi la monon al ni.Do estas nur gesto de amikeco sed ne pli. Nia kaso ne povas malhavi la monon pro la kostoj por nia organo. La interfratiĝo ne estu utopio sed reala fakto kaj jen la fervojistoj donu la ekzemplon kaj etendas la manon al tiuj kolegoj, kiuj deziras kunlabori kun ni en sincera harmonio. Al la adoptintoj nian koran dankon pro tiu gesto. Por niaj kolegoj Hung kaj Kirch ni ne havas momente adoptaton sed ni informos ilin siatempe pri la nomo kaj adreso, ankaŭ ilin ni tutkore dankas. Niaj klopodoj trovi kontakton en Egiptio ,Brasilio kaj Jugoslovakio ne liveris al ni sukceson sed en Hispanio ĵus kolego aliĝis al IFEF, kiun ni kore bonvenigas. En Svedio ni klopodis fondi IFEF-rondon dum la SAT-kongreso sed ne rikoltis ian rezultaton escepte la promeso de nia malnova pioniro,E.Eriksson, fari la necesajn paŝojn.

Krom la vakanta loko en la IFEF-estraro pro la morto de nia kunestrarano, Wissink

ne akazis ŝanĝoj en la estraro, kiu ĉiumonate kunvenis.
La atento de la IFEF-estraro ne direktas sin nur al la hodiaŭo sed ankaŭ al la estonto. La spertoj instruis al ni, ke ne eblas vivi de tago al tago, pro kio la iamaj Asocioj forglitis al iom post ioma subiro. Konstruante nian organizon ni samtempe certigu al ni ĝian solidecon por la estonteco kaj pro tio ni kelkfoje devis bremsi troan progresmon de kelkaj el ni. Se deziroj kaj petoj ne estas plenumitaj oni tamen estu konvinkitaj, ke la IFEF-estraro faris tion por la bono de nia organizo kaj por la bono de tiuj, kiuj amas ĝin. Nia laboro ankaŭ en la pasinta jaro apogis sin sur la fido de nia membraro en nia celkonscia gvidado.
Ni ricevis 146 korespondaĵojn kaj forsendis 136 leterojn kaj poŝtkartojn.
La eldonado de glumarkoj ne liveris al ni grandan sukceson ĉar postrestis ankoraŭ en la stoko granda kvanto da ili. Al la landaj estraroj ni rekomendas mendi certan kvanton por provizi dum la tuta jaro niajn anojn per niaj propagandiloj. Malgraŭ ni do disponas pro tio pri pasiva monsumo la IFEF-estraro decidis ankaŭ ĉijare realigi ĝeneralan deziron per eldono de belega IFEF-insigno. Legu la anoncon en nia antaŭa numero 3a. Mendu ! Fersendinte en la antaŭa jaro 2400 Bultenojn ni en la nun finiĝinta jaro forsendis pli ol 4000 ekzemplerojn de nia organo. Tiu nombro en 1952 estos ± 7000.
La Terminara komitato finis la unuan parton de la giganta laboro kaj ebligis al la landaj rondoj kompili provizoran sed koncizan terminareton nacilingve-Esp-e por la ĉiutaga uzado. En nia 4a kongreso oni pridiskutu la eblon pri la eldonado.
La ciferoj en tiu ĉi pro spacmanko konciza jarraporto donos al ĉiu klaran bildon pri la favora evoluado en nia organizo.
Necesas memorigi la brilan 3an IFEF-kongreson en Parizo kaj danki la OKK-on kaj la francajn gekolegojn tutkore pro la penoj faritaj. La kongreso estis sendube grava kontribuo en la ĉijara sukceso por nia IFEF. ni tamen ankaŭ havas plendon ĉar estis gekolegoj, kiuj senpripense sin anoncis sed lastmomente rezignis la partoprenon al nia kongreso tiel embarasigante la OKK-on, kiu jam fiksis la budĝeton. Ni nepre evitu tion estontece kaj montru la necesan diciplinon. Ĉiu konservu en la koro iom da respondeco pri la bona funkciado kaj atentu siajn devojn.
Malgraŭ la ĝojigaj progresoj sur ĉia tereno la batoj de la sorto ne indulgis nian organizon en la pasinta jaro. Kelkaj aktivaj k-doj pro la neevitebla morto forlasis nin. Tiuj batoj rekte trafis la IFEF-estraron, kiu perdis tri fidelaj kunlaborantojn en D. Muller ( iama Red. de nia BULTENO) Wynalda ( desegnisto por niaj projektoj) kaj A.N. Wissink. ( instruanto en nia loka grupo kaj IFEF-estrarano
En DANIO mortis post akcidento dum la deĵoro A.S. Christensen, neforgesebla amiko (iama kasisto de DEFA). En GERMANIO neatendite mortis nia maljuna pioniro Karl Hell (ano de la Terminara Komitato. Ankaŭ en Norvegio mortis unu el niaj kolegoj. Ilia foriro estas la ombra flanko de la sukcesplena jaro por nia organizo. En profunda silento ni memorigas ilin kaj funebras pri la sorto, kiu tiom kruele trafis iliajn familiojn kaj nian movadon. Ni honoru ilin laŭ la poemo aperinta en la Januara numero de nia BULTENO.
Feliĉe estas ankoraŭ inter ni kelkaj malnovaj pioniroj, la S-roj Rosher (Britio) E. Eriksson (SVEDIO) kaj J. Rebiček en (ĉeĥoslovakio), kiuj jam laboris en la unua Internacia Asocio Esperantista Fervojista, fondita en 1909. Estas por ni privilegio montri al tiuj multjaraj batalantoj la forton, la entuziasmon kaj la aktivecon de la juna generacio, kiu daŭrigas ilian laboron. Tutcerte estas por ili ĝojige konstati, ke la pena laboro en la daŭro de 45 jaroj ne estis vana kaj nia movado estas nun pli forta ol iam antaŭe. Dank' al ili ni disponas pri grava materialo, el kiu ni ĉerpas nian forton.
La ebloj por plifortigi IFEF-on ne ankoraŭ estas elĉerpitaj, kontraŭe , restas ankoraŭ bonaj perspektivoj por rikolti novajn sukcesojn ankaŭ en 1952 sed tiam. .....ĉiuj metu la manojn sur la plugilon. Kore dankante ĉiujn kunlaborantojn mi esprimas la ardan esperon, ke tiu ĉi jarraporto estu por vi ĉiuj novan stimulon meti la ŝultrojn sub la gravan laboron . Ne hezitu, ne estu inerta aŭ seniluziigita sed agu ! Vizitu multnombre nian 4an en Lindaŭ kaj ĝis tie!

Vivu IFEF!

La Sekr: J.L.

**OLIMPIAJ LUDOJ EN FINNLANDO**

Finna sekcio de IFEF, (E.S.F.F.) petas ĉiujn membrojn de IFEF, kiuj intencas vojaĝi al Finnlando dum Olimpiaj ludoj 19/7-3/8-1952, aranĝi mem sian alvenon kaj loĝadon ĉi tie pere de Olimpia komitato en sia propra lando. E.S.F.F. penas helpi laŭ siaj ebloj. Adreso: Sekretario de E.S.F.F. A.Ruhanainen Helsinginkatu 6.B.50, Helsinki Finnlando. Tel. 75134.

## KASISTA RAPORTO

Kiam kasisto povas raporti pri la financoj de sia organizo, kaj la profita saldo estas sufiĉe granda, li havas agrablan taskon.

Feliĉe en tiu stato estas nia organizo. Ni kreskis nombre kaj finance kaj pro tio ni ĝojas.

Niaj Bultenoj kostis multe pli da mono ol pasintjare. Tion kaŭzis nia kresko, kaj la plialtigo de la preskostoj.
Ankaŭ la kontorbezonajoj postulis pli da mono ol en 1950.

Mi klarigos la diversajn sumojn, esperante ke la anoj ankaŭ legos la enuigajn ciferojn.

| Enspezoj | | Elspezoj | |
|---|---|---|---|
| Profito 1950 ........ | f. 273.64 | Nia Bulteno ...... | f. 297.44 |
| Kotizo ............ | - 762.12 | Kontorbezonaĵoj ..... | - 68.26 |
| Por nia Bulteno ....... | - 96.78 | Glumarkoj ....... | - 95.75 |
| Glumarkoj .......... | - 9.60 | Diversaĵoj ....... | - 61.00 |
| Diversaĵoj ......... | - 20.50 | Profito 1951 ...... | - 640.19 |
| Entute .......... | f. 1162.64 | Entute ........... | f. 1162.64 |

La granda kotizo-sumo sekvis el tio, ke kelkaj landaj rondoj devis pagi la kotizon por du jaroj, kion ili faris en la Pariza kongreso.

La elspezoj por nia Bulteno estas pli altaj ol en la pasintjara raporto, ĉar en 1950 ni unuafoje eldonis ses presitajn bultenojn.

Kiel kontorbezonaĵojn ni acetis novajn membro-administrajn kartojn por la kartoteko, kiun ni tute novigis, kiel ankaŭ la membrarlistojn.

La kasisto
W.Biesheuvel.

## SUBVENCIOJ POR NIA BULTENO

Novaj enspezoj (antaŭa listo en la julia bulteno).
Venditaj Bultenoj f.9.54; de la itala rondo f.3.25; angla rondo f.1.02; aŭstra rondo f.6.18; De Bruyne-Pieters, Belgio f.1.40; venditaj Bultenoj f.0.20; FERN, Nederlando f.1.00; Rickhoff, Germanio f.8.10; Erickson, Svedio f.6.60; DEFA, Danio f.12.97; Ohlson, Svedio f.10.00.
Danke ni kvitancas ĉi suprajn donacojn, kiuj ebligas al ni daŭrigi la eldonadon de la Bulteno en ĝia nuna formo.

## RAPORTO KASKONTROLKOMITATO

Ni kontrolis la IFEF-kason kaj trovis ĉion en bona ordo.
La kasisto, kolego W.Biesheuvel, meritas dankon pro sia akurata laboro.

La kontrolintoj
J.A.Vermaak
E.Schaafsma

## SEKRETARIAN RAPORTON

Al ĉi tiu *Bulteno* ni aldonis folieton kun la kompleta jarraporto de nia sekretario.

## AL LINDAŬ, LA URBO DE LA 4a IFEF-KONGRESO

Inter la tri landoj: Svisio, Aŭstrio kaj Germanio enŝoviĝas la Bodenlago.
Estas kvazaŭ ĉi tie ciu lando montrus la mirindaĵojn sekretajn. Pejzaĝo de abundaj vidindaĵoj kaj kontrastoj sub la blu-luma ĉielo ĉi tie formiĝas.
Pro tio la teretorio je Bodenlago kaj Rejno precipe konvenas por libertempaj restadoj, refortiĝoj kaj resaniĝoj.
La Svislanda *Sentismasivo* kaj ties ravaj konturoj, la altaĵoj de la Bregenza arbaro en Aŭstrio kaj la norda enkadrigo de l' lagofaco kun la fruktedona Ŝvabia montaro, la riĉaj arbarkulturoj, la vulkanaj konusoj, montras perspektivon mirindan. Venante el norda direkto al la

germana sudo, preterveturante *Hohentvil* ni atingas Bodenlagon. Gigantaj montoj, radianta suno, brilanta lago, florantaj herbejoj kaj verdaj arbaroj nin tie ĉi atendas; nin salutas la svabia maro, la Bodenlago. Jen *Radolfcel*, ĉirkaŭita de malnovaj moroj kaj turoj, kaj la ĉarma *Malsupra Lago*. Tie la plej granda insulo en la lago: *Reihenaŭ*. Ĝi montras antikvan kulturon de iamaj monaĥejoj.
Kie mallarĝiĝas *Malsupra Lago*, tie formiĝas la *Rejna Torento*. Trans la rejna ponto ni atingas Konstans, la plej grandan el la urboj, kiuj situas apud Bodenlago. Konstans estas miljara episkopa urbo . De el la golfo ni ĝuas elrigardon al la tuta malproksimeco de la lago-nivelo, frekventita per ĉiuspecaj veturiloj. Inter la vidindaĵoj de la urbo ni ne malatentu la konstruaĵon, kie kondamniĝis en la dek kvina jarcento Johann Hus, iama reformatoro el Husinec (Bohemio) kaj la *Husenŝtonon, la magistratejon, la katedralon, de kies turo oni ĝuas admirindan elrigardon sur la tuta lago, la montaroj ktp. Ni vizitu la insulon Majnaŭ kaj ties vidindan parkon, la imperiestran palacon *Bodman* kun ruino, la Ueberlinger lagon kun Ludvigshafen je la ekstera pinto.
Laŭlonge de la norda bordo de Ueberdinger lago ni atingas la urbon Ueberlinger, plej ĉarma loko ĉe Bodenlago.
Je la monteta bordo, terasforme konstruita, leviĝas la bela ĉefpreĝejo, ĉirkaŭita de pitoreska fortikaĵo antikva.
La urba parko montras strangajn kreskaĵojn ĉiuspecajn, laŭ la preferinda klimato de Bodenlago. Jen komenciĝas ĉarmegaj ekskursoj per vaporŝipoj orienten al *Unteruhldingen*, konata pro *la domoj en la lago*, sur palisoj konstruitaj, kiuj rakontas pri la laga vivo de antaŭ kvar jarmiloj. Nun aperas *Meersburg* kun la el vinberejoj sin levantaj kasteloj, famaj pro sia historio. Ĉiam laŭlonge de l' bordo: vitotrunkoj kaj florantaj arboj, ni atingas *Hagnaŭ*, fama pro la Bodenlaga akvario, kaj poste *Immenstad*.
Ni veturas al *Frederikshafen*, la iama Zeppelin-urbo. En la parko situas la kastelo *Hofen* kun la du-tura monaĥejo.
Ni nun daŭrigu la veturadon.
Dekstre montriĝas la gigantaj montoj de *Saentis*, kaj maldekstre aperas *Langenargen* kun kastelo *Montfort*; la fama fruktokulturo *Kresbron* kaj la *Nonnenhorn*. La duoninsulo *Wasserburg* karakterizas vere germanan romantikon.
Jen ĉirkaŭ terlango situas la banloko *Saĥen*, kie per per la junularo efektiviĝas sportoj, precipe en la akvo.

mineralfonto donacas resaniĝon kontraŭ reŭmatismo, artriko, podagro ktp.
Kvazaŭ silueto en la blua maro eliĝas la insulurbo en Bodenlago: *Lindaŭ*, la urbo de nia kvara IFEF-kongreso.
Ĉirkaŭveturante la urbon, la ŝipo enveturas la havenon. Sur la havena promenejo regas vigla vizitado; preskaŭ ĉiuj admiregas la grandiozan panoramon de l' montaro kun la elrigardo sur la lago.
Kurbaj stratetoj, la magistratejo, la preĝejo de *Peter* kaj la muzeo interalie estas vidindaj en Lindaŭ.
La gigantan lagonivelon ni superrigardas de sur *Pfender*, kies supron ni facile atingas per la pendfervojo.
La orienta kaj suda direkto nin salutas la alta montegara regiono, kies pintojn ĉiam kovras eterna glacio kaj neĝo, la konturoj Algoier-montegaro, la Medelforko, Altabirdo, Grotokapoj apud Obersdorf. Super la rifoj de Bregens-arbaro ni atingas la tre romantikan Brejtaĥkluzon kaj per la pendfervojo la Nebelhorn.
Malsupre sur la Aŭstria teretorio situas la antikva urbo Bregens, de kie oni povas entrepreni belajn ekskursojn al la proksimaj montaroj kaj altarbaroj.
La urbo Lindaŭ estas unuafoje menciita en la jaro 882 en rilato kun la tiee situanta roma montfortikaĵo *Lintowa*.
Ĝi fariĝis urbo en la jaro 1268.
Nuntempe ĝi estas aerkuracejo kun proksimume 18000 loĝantoj el kiuj triono esevangeliaj eklezianoj.
La urbo situas 404 metrojn super la marnivelo sur Bodenlago-insulo.
Fervoja digo kaj stratoponto ligas ĝin kun la firma tero.
Grandioza lumturo kaj leona statuo ornamas la enveturejon al la haveno kun ĝia albordigejo por akvo-aviadiloj.
Gravaj publikaj konstruaĵoj estas la Latina lernejo, supera lernejo por knabinoj, urba biblioteko, urba arkivejo, fama muzeo, vidindaj teatro kaj hospitalo.
Optika industrio estigis viglan komercacon. Aliaj fontoj por la prospera vivo de la urbo estas: grava vitofrukto kaj legomkulturo, nutraĵfabriko kaj bierfarejo. Krom tio Lindaŭ prezentas al vi ĉiuspecajn sportojn.
Nenie en la lando oni trovas tiajn variaĵojn en la naturo ol sub la blua ĉielo de Bodenlago.
Tial nia signaldiro por 1952 estas:----
FERVOJISTOJ ĈIULANDAJ VIZITU LA KVARAN KONGRESON DE I.F.E.F. EN LINDAU.
ESTU BONVENAJ APUD BODENSEE----

C. Mailand.